„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

11a jaro. N-ro 7 Monata Julio 1934

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

**Jules Romains über Esperanto:** Meine vielen Reisen in verschiedenen Ländern überzeugten mich von der Notwendigkeit einer internationalen künstlichen Sprache, die besonders für diesen Zweck geschaffen wurde.

Ich glaube, daß Esperanto die Eigenschaften besitzt, die eine solche Sprache benötigt.

Ich glaube, daß die Regierungen zur Verständigung unter den Völkern und zum Weltfrieden beitragen würden, wenn sie Esperanto als Pflichtfach in allen Schulen einführen würden, vorausgesetzt, daß die hiezu notwendigen Unterrichtsstunden dem Studium der lebenden und klassischen Sprachen nicht entzogen würden.

**Zamenhof-Straße in Montbéliard.** In diesem französischen Städtchen hat der Stadtvorstand eine Straße „Zamenhof-Straße“ benannt. Die Feier fand im vergangenen Juli statt.

Neue **Zamenhof-Straße** wurde in der neuesten Stadt Palästinas, Tel-Aviv, benannt.

Die große **Möbelfabrik „L'ébéniste“** in Hanoi, Indochina, hat auf ihrem Briefpapier den Esperanto-Stern und den Satz „Korespondado en Esperanto“.

Berufliche **Fremdenführer** in Kopenhagen besuchen einen Esperantokurs.

**Norwegische Kinderzeitung veröffentlicht Esperanto-Kurs.** Die neu-norwegische Kinderzeitung „Norsk Barneblad“, die wöchentlich erscheint, veröffentlicht laufend einen Esperantokurs.

Die **Internationale Ausstellung für Handel und Industrie in Tilburg**, Niederlande, 28. Juni — 31. Juli, benützt in ihrer Korrespondenz stark Esperanto und in der Ausstellung selbst ist ein Esperanto-Auskunftsbüro.

**Ein Esperanto-Roman in chinesischer Uebersetzung.** Der in Esperanto geschriebene Roman „Frühling im Herbst“ von Julius Baghy, einem bekannten ungarischen Schriftsteller, erschien nun in Shanghai in chinesischer Uebersetzung.

**Moderne Reklame für Esperanto.** Auf dem Dache des bedeutenden dänischen Zeitungspalastes „Politiken“ erschien durch 14 Tage eine Lichtreklame: „Lernet Esperanto! Kostenlose Probelektion am 8. März in Vesterport“.

**Esperanto-Radio-Auslandsdienst:**

18. Juli: Reg.-Rat H. Steiner „Kurorte in Oesterreich“,

25. Juli: Lothar Steiner „Augustveranstaltungen in Oesterreich“,

8. August: Rechn.-Rat Rud. M. Frey „Aus der Festspielstadt Salzburg“,

22. August: Reg.-Rat Steiner in deutscher Sprache „Esperanto-Weltkongreß in Stockholm“,

29. August: Thema wird bekanntgegeben.

Am 1. und 15. August sowie am 5. September fallen die Vorträge aus. Ab 12. September werden dieselben regelmäßig allwöchentlich wieder fortgesetzt.

---

### Ni propagandu!

„Ĉu ni ne propagandas“? certe multaj demandos! „Ĉu ne sufiĉas, ke mi parolas ĉiam kaj ĉie pri, pro kaj por Esperanto?“ „Ĉu ne sufiĉas, ke mi portas ĉiam la stelon?“ ktp.

Certe la unuopaj samideanoj estas fervoraj en la propagando! Ĉu la metodo estas la ĝusta, de tio dependos la sukceso!

Mi jam depost pli ol 23 jaroj tramigradas Eŭropon (kompreneble per trajno aŭ aŭtomobilo) kaj pro la kolektitaj spertoj mi permesas doni al vi kelkajn instigojn kaj konsilojn!

En la nuna tempo, en epoko de ekonomia krizo tutmonda, la propagandistoj — kaj ĉiu esperantisto laŭ mia recepto povos tre facile fariĝi bona propagandisto — nur devas aludi kaj akcenti la „praktikan uzeblecon kaj valoron“ de Esperanto. Se vi komencos paroli pri „la interna ideo“ aŭ „la ideala valoro“ de Esperanto, vi ja ĉe 99% perdis la terenon. Pri tiuj belaj aĵoj oni ne parolu, ilin oni mem sentu kaj la novkaptitaj esperantistoj sentos post kelka tempo same! Nur tiu bela ideo, nia idealismo kaj nia amo al Esperanto donas al ni la forton, la persistemon propagandi por nia por la tutmondo tiom necesa afero, donas al ni la instigon eluzi ĉiujn niajn kapablojn en la servo de Esperanto kaj ankaŭ elspezi parton de niaj enspezoj, kiujn ni vere bezonas por la ĉiutaga vivo!

Do la propagandistoj estas idealistoj, alie ili ne propagandus je siaj propraj kostoj! Sed la propagando estas reala afero kaj reale oni devas rigardi la kampon de la propagando.

1. Esperanto-insigno. Estas peko kontraŭ nia afero, ne porti la E.-stelon. Se ĉiuj esperantistoj ĉiam portus la E.-insignon, la homoj vidus la grandnombron de la esperantistoj kaj certe — tiuj, kiuj ne ankoraŭ ion scias pri E. kaj bedaŭre multaj estas pri tio nesciantaj, demandus pri ĝi — ili pli multe atentos E-on.

2. Dum la vojaĝo. Antaŭ ol vi forveturas alilanden, kunprenu (eventuale mendu de la Landa Organizo de la koncerna lando) „Esperanto sur unu folio“. La elspezo estas malgranda, la efiko estas certe tre granda. Alveninte en la limstacio (ankaŭ, se vi scipovas paroli la koncernan nacian lingvon) alparolu en Esperanto la oficistojn de la doganejo, la biletvendiston ĉe la fervojo, la konduktorojn, la ekspedantan oficiston kaj demandu ilin kion ajn, sed ĉiam en Esperanto. Se vi komprenas la nacian lingvon, poste, donante al li la flugfolion, alparolu lin en lia lingvo kaj klarigu al li la valoron de Esperanto, aldonante, ke li facile povas lerni ĝin. Se vi ne scipovas la lingvon de la alparolito, donu simple al li la flugfolion. Same agu en ĉiu urbo: Demandu la konduktorojn en la tramoj aŭ aŭtobusoj pri la farota vojo en Esp.; diru vian celon en E. al la ŝofero de la taksimetro; ne preteriru iun policiston sen demandi lin pri iu ankaŭ negrava afero, pri vizitota teatro, intencata ekskurso ktp., kompreneble en E.; aĉetante poŝtmarkojn ĉe la poŝtgiĉeto aŭ forsendante telegramon ĉiam alparolu la oficistojn en E.; kaj, se ili ne komprenos vin, agu kiel ĉe la limo.

Pripensu, ke la oficistoj raportos al siaj superuloj, ke oni ilin tiel ofte alparolas en Esp. kaj oni poste ekkonos, ke la lernado de Esp. estas necesa.

Certe vi havos intereson, ion aĉeti kiel memoraĵon aŭ kiel donacon por via edzino aŭ edzo, amatino aŭ amato, fianĉino aŭ fianĉo, gefiloj ktp., parolu en ĉiu vendejo nur en Esp. kaj poste diru al la vendisto, ke esperantistoj nur kutimas aĉeti ĉe E-scipovantaj negocistoj. Vizitu tiajn negocejojn ankaŭ, se vi ne havas la firman volon aĉeti ion kaj, kiam oni ne komprenas E-on, foriru. Vi spertos, ke la komercistoj poste jam atentos E-on kaj lernigos sian vendiston E-on. Demandu ilin, kial ili ne havas sur la elmetej-fenestro la E.-insignon same kiel „On parle français“.

Ĝis nun la policistoj ekzemple en Vieno diris, ke nur tre malofte oni alparolas ilin en Esp., same la fervojistoj, tramistoj, doganoficistoj ktp. Tial ili pensas, ke ne ekzistas multaj esperantistoj. La esperantistoj ekzistas, ili nur ne faras sian devon, sufiĉe dece sed insiste kaj konstante propagandi nian lingvon laŭ la aludita metodo.

Se vi parolas kun hotelistoj, kafejposedantoj, kelneroj, negocistoj, ĉiuj diras preskaŭ sen escepto, ke ili ne ankoraŭ havis okazon aŭdi de iu el sia klientaro eĉ unu vorton en Esperanto!

Do parolu al ili, montru al ili, ke esperantistoj ekzistas, kaj vi vidos, ke via propagand-laboro ne estis senfrukta kaj vana. Oni lernos la lingvon, ĉar oni spertos, ke ĝi estas praktike uzata, tial necesa por ili.

Ek-agu! Tiam ni baldaŭ havos E-on grandmezure en la praktiko! La instruado en la lernejoj nur estos sekvo de tiu bezono!

Steiner

---

## S-ino Alice Sergeant †.

La necedema morto forrabis samideaninon, kiu ludis sufiĉe gravan rolon en la E-movado. Kiel edzino de nia Lucien Sergeant, kiu kune kun s-anoj Duchochois kaj Michaud elpensis la E-insignon, ŝi jam ĉeestis la unuan kongreson en Boulogne kaj de tiam multe laboris en la movado regiona kaj urba. Tiam ŝi fariĝis amika al familio Zamenhof kaj dum la multaj kongresoj, kiujn ŝi vizitis, ŝi — la vere ĉarma samideanino — enamikiĝis kun multaj el niaj eminentuloj.

Embolio la 9. de junio detruis tiun vivon, tiel riĉan je bonagoj.

Al la Muzeo la mortintino donacis kune kun sia edzo la flagon de la 1. Kongreso kun la subskribo de l' Majstro kaj tiu flago flirtis la lastan fojon dum la Malferma Kunsido en la Parlamentejo

Mi persone perdis longjaran amikinon Acie, kiu en 1912 antaŭ Krakovo en Vieno skribis en mian memorlibron „Rozoj de Wien mortiĝas sed memoro de Vienanoj neniam“.

Ankaŭ mia memoro al vi, kara amikino, neniam mortos!

Koran kondolencon al la familio.

Steiner




Adreso: Fredsgatan 4, Stockholm.
Kotizo: 25.— sved. kr.

Estas nun la tempo por aliĝi al la Kongreso. Ni rekomendas uzi la lastajn minutojn. Stockholm kaj Svedlando estas belegaj, la enloĝantoj kaj speciale la s-anoj ĉarmaj, la loĝado vere agrabla kaj manĝado bonega. Antaŭkongresoj en Oslo kaj Malmö, Postkongresoj en Helsinki kaj Tallinn permesas al vi unu el la plej belaj vojaĝoj.

Prezidanto Steiner veturos al Stockholm, kiu ankoraŭ venos?

Dum jam kelkaj Radio-dissendoj ni invitis kaj invitigis ankaŭ la eksterlandon al aliĝo por Stockholm!

Ni deziras bonegan sukceson al Stockholm, Oslo, Malmö, Helsinki, Tallinn!

AEA: Steiner, prez., Werner, afergvid.

---

**Aparta propagando.**

S-ano Ismael Gomes Braga, Rio de Janeiro, deziras festi la 50-jaran jubileon de Esperanto per dissendado de 26,280.000 Esperanto-lecionoj, la nombro de la minutoj pasintaj depost la fondo de Esperanto ĝis ĝia jubilea tago. Laŭ li simpla afero: Li verkis E-kurson kaj dissendas ĝin senpage al la 3000 gazetoj en Brazilio. Se nur 10 %, do 300 je meza eldonnombro da 3000 ekzempleroj eldonos ĉi tiujn 30 lecionojn, 30,000.000 lecionoj estos dissendataj. 102 gazetoj jam deklaris sin pretaj al tiu publikigo. Aliaj landoj sekvu!

**Protokolaro.**

Pri la en majo okazinta Konferenco en Vieno en la kadro de Intern. Esp.-Muzeo aperos „Protokolaro", kiu enhavos la paroladojn de la eminentuloj kaj la diskutojn, proponojn, decidojn ktp.

Tre necesa ilo por ĉiu, kiu volas propagandi en reale pensantaj rondoj.

Aperdato en septembro/oktobro. Prezo 5 intern poŝtaj resp. kuponoj, por Aŭstrio S 2.50 (en poŝtmarkoj) ĝis fino de aŭgusto, poste la prezo altiĝos, se ankoraŭ ekzempleroj entute estos disponeblaj.

**Enciklopedio** de Esperanto. Eldon. Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj, Budapest. Ĝi aperos en du volumoj, ilustritaj, broŝurita aŭ bindita; krome broŝurita, sen ilustraĵoj, en unu volumo. Mendeblaj ĉe Aŭstria Esperantisto. Ĉiu devus havi tiun gravan verkon.

**La unua volumo jam aperis!**

La **Ministerio por Eksteraj aferoj en Kaunas**, Litovujo, sendos al vi senpage belegan, ilustritan libron de Victor Jungfer, „Malantaŭ la lagoj, malantaŭ la arbaroj". Petu la Esp.-eldonon. La libro enhavas 166 paĝojn.

**Esperantista Akademio** eldonis sian „Jarlibron de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, 1934". Paris, 32 paĝoj, prezo 2 fr. fr. — la libreto enhavas la regularon, liston de la Lingvo-komitatanoj kaj akademianoj kaj „Pri Landnomoj".

**Nürnberg-a adreslibro.**

La eldonfirmo de la grava adreslibro de Nürnberg, W. Tümmel's Buchdruckerei, Nürnberg, kiu jam depost 1931 uzis Esperanton en sia ĉiujare aperanta adreslibro, nun presigis „Specialan preson de la eksportista tabulo en la Nürnberga adreslibro". En ĝi krom la germana, angla, franca, hispana, itala lingvoj estas uzata Esperanto. Ni gratulu al la firmo kaj al nia vere agema s-ano A. Radecker, estro de la Nürnberga grupo, kiu kulpas pri tiu grava afero. La firmo komprenebIe korespondas en Esp.

**Jugoslavia Esperanto-Ligo** dum sia ĉijara kongreso elektis novan estraron: prez. d-ro Duŝan Maruzzi, vicprez. Ivo Rotkoviĉ. Ni kore salutas la novan estraron kaj esperas viglan kunlaboron.

**XVI. Internaciaj Floraj Ludoj.**

Ripoll, Pentekosto 1935.

Manuskriptojn oni sendu ĝis fino de 1934 al prez. Antoni Planas, str. Ragull 2, Ripoll, Hispanujo.

**Esp. Fako de Centro de Slovakaj Katolikaj Skoltoj**, Bratislava, Svoradov, ĈSR invitas per nova cirkulero al partopreno en la tendaro sur Kordiky proksime de Banska Bystrica (Slovakujo) 16.—31. julio.

---

## Leo Belmont,

nia konata pioniro festis la oran jubileon de sia literatura agado. Ni elkore gratulas lin kaj esperas, ke li ankoraŭ longtempe verkos por Esperanto.

Jen du versaĵetoj, ĝis nun ne publikigitaj, kvankam ili apartenas al la antaŭmilita epoko.

Leono Zamenhof fondis siatempe en Varsovio rondon de „Vere Esperantaj Homoj", ĉar tiam ekzistis en Rusujo ligo de „Vere Rusaj Homoj", konservativemaj, malprogresemaj kaj kruelaj. La simileco de la nomoj donis al Belmont impulson al jena versaĵo:

### Demando.

Al fondinto de la rondo de „Vere Esperantaj Homoj", Leono Zamenhof.

Ĉu ĝi estas la fantomoj,
Mian koron traborantaj?
„Esperantaj" vere homoj,
„Homoj vere esperantaj!"

Mi jam konas vorton „vere",
Homojn vere rusajn konas.
Kaj mi timas, ke danĝere
„Vere esperantaj" sonas.

Kion fari vi deziros
Diru, ho Samideanoj?
Ĉu infanojn vi disŝiros,
Ĉu ni estas ĥuliganoj?

Ĉu plu ne per pacaj iloj
Agos ni? — ne per la kanto?
Ni batalos per hakiloj
Por la kara Esperanto?

Kontraŭ lingvo artifika
Se nun iu diros ion,
Per la glav' negramatika
Rompos vi al li kranion?

Se obstina kap' ne volos
Scii pri la „iĝi", „igi",
Ĉu kun ĝi ni ne parolos?
Ĉu ni volos ĝin bruligi?

Ĉu ni estos ŝovinistoj,
Por ni „novan senton" kreu.
Al la neesperantistoj
Ĉu ni krios: „Ho, pereu!"

Vi minacas al la mondo
Per la nova katastrofo,
Ho, respondu, Ĉef' de l' rondo.
Vi, Leono Zamenhofo!

L. Belmont

Je tiu ŝercado, aludanta la tiutempajn pogromojn kaj ĥuliganajn ekscesojn respondis Zamenhof samtone per la jena versaĵo:

### La Respondo.

Al S-ro L. Belmonto pri la celoj de la rondo „Vere Esperantaj Homoj".

Vi demandas pri la rondo
„Vere Esperantaj Homoj",
Jen ĝi estas la respondo
Pri danĝeraj tiuj nomoj.

Vin turmentas, ho Sinjoro,
La demando pri la celo,
Kaj vi sentas jam per koro
Novajn tondrojn el ĉielo.

Kvietigu vian senton;
Ne intencas nia rondo
Superverŝi orienton
Per la nova sanga ondo . . .

Kaj ne timu pri infanoj,
Belaj Esperantistinoj;
Ni ne estos „ĥuliganoj":
Mankos al ni Stolipinoj*).

Se eĉ nin inspiros brando
(Ho! — ne pura alkoholo),
Ni ne estos tamen bando
El „estrara monopolo".

L. Zamenhof

---

## Novaj gazetoj:

**Zamenhofa Esperanto.** Studoj pri Esperanto TIA, KIA ĜI ESTAS en la „Fundamento" kaj en la verkoj de d-ro Zamenhof. Jen la titolo de 4-paĝaj folioj, enhavantaj lingvajn artikolojn, tre interesajn. Ĉiu esperantisto abonu por 5 fr. fr. la 10 sinsekvajn numerojn, eldonitajn de d-ro Pierre Corret, Esp. Ak., 197 Bld. Brune, Paris-14.

**„Infanoj sur tutmondo"**, Intern. Revuo por Esperantistaj Infanoj. Red. H. Bourguignon, Saint-Maximin (Var), Franc. Dumonata, multobligita kun desegnaĵoj, jarabono 2 resp. kuponoj.

**M. Boubou, Orléans** fondis „Federacio de Esperantistaj Progresemaj Edukistoj" (IFEPE). En la unuaj numeroj de sia organo „La Torĉo de l' edukistoj" Boubou informas sian legantaron pri siaj tendencoj kaj la nepra neceso pri fondo de komunista instruista organizo.

**„Interligilo"**, Monata organo de la Orienthinduja Centra Esperanto Organizo. Admin. kaj sekr. C. P. Krüss, Meester-Cornelis, Insulinde-Laan 20, Batavia, Nederl. Hindujo. En marto aperis la unua numero 6-paĝa.

**„La juna vivo"**, dusemajna organo por la junularo, 12-paĝa. N-ro 1 aperis ĵus. Red. kaj adm.: West-Grafdijk (N. H.), Nederl. Jarabono 1 nederl. guld.

---

*) Stolipin tiam estis ministro.

## Novajoj.

**BES-a Adresaro** de esperantistoj el ĉiuj landoj, 1934, 12. eldono ĵus aperis. Prezo sv. fr. 1.— ĉe BES, Potŝtejn, ĈSR 92 pĝ.

„**Koprivnica**, la urbo de VII-a Jugoslava Esperanto-Kongreso, 20.-21. de majo 1934", 80-paĝa gvidlibreto, **kun multaj bildoj**, eld. de Esperanta Klubo, Bregi-Koprivnica, Jugoslavio, kaj tie ankaŭ mendebla kontraŭ alsendo de 4 int. resp. kup.

**1. Nederl. Kongreso de R. K. Esperantistoj**, s'Hertogenbosch, 15.—17. aŭg.

**Internacia Konferenco de Internacia** Proletaro **Esperantista** (IPE) okazos 12.—15. aŭg. en Lille, Franc.

**Lyon-Touriste**, Lyon, en sia numero de 2 trimestre, E-artikolo pri Lyon.

**International Auxiliary Language Association in the United States (IALA) eldonis** en franca kaj angla lingvoj broŝureton pri sia laboro.

**Bela Esp.-flageto** (25×17 cm) por biciklisto, motorciklisto, aŭtomobilisto havebla ĉe Esp.-eksportejo Franz Hub, Gablonz a. N., ĈSR, por Kĉ 10.— plus 10 % sendkostoj.

**Novaj faldprospektoj:**

**Tirolo, Aŭstrio, 12-paĝa, kun multaj bildoj** kaj bona landkarto. Eld. Landesverkehrsamt für Tirol, Innsbruck. Tiu prospekto estas bona propagandilo por la Oficiala Antaŭkongreso 1935 en Innsbruck. Ni ĝojas, ke Tirol nun ankaŭ uzas E-on.

**Varna**, la reĝino de la Nigra Maro. 12 pĝ., multaj bildoj kaj landkarto. Eld. Somerrestada Oficejo, Varna.

**La Panne**, Belgujo. 6 pĝ., 9 bildoj. Service Officiel de Publicité, La Panne.

**Debrecen-Fürdö"**, Hungarujo, bela 14-paĝa faldprospekto kun multaj bildoj. Havebla ĉe Fremdultrafik-oficejo, Debrecen.

„**Reĝolando Jugoslavio Slovenio (Drava Banusejo)**", 12-pĝ. ilustrita faldprospekto, eldonita de „Putnik", Ljubljana, kaj de tie mendebla.

**Novaj Esperanto-varbiloj:**

Invito al vizito de „**Poŝtmarkomuzeo de la hungara poŝto**".

Etikedoj de **P. Pedersen's** Cigarfabrik, Horsens.

Bildpoŝtkarto de **Kavalla**, Greklando, kun E-teksto estas eldonita de s-anoj N. Spagadoros kaj M. Strumza, del. de UEA en Kavalla.

**Banque Commerciale de Bâle (Basel)**, filio Genève, E-reklamilo kun landkarto, sur kiu estas markitaj la diferencoj inter la mezeŭropa tempo kaj la aliaj, krome estas montrita la valoro de la diversaj valutoj kompare al la svisa franko.

**Sacher**, fama hotelo, kuracejo, restoracio, kafejo en Helenental, Baden proksime de Vieno en Esperanto sur belaj kartoj invitas al vizito.

---

### La muŝoj.

Ĉirkaŭ tablo sidas hispano, anglo, franco, germano, ruso kaj ĥino. Sur la tablo estas glasoj, plenaj da biero.

Ili ĉiuj parolas — kompreneble — Esperanton.

Subite tra la malfermita fenestro enflugas muŝo . . . zzz . . .! La muŝo flugas en la ĉambro, al la plafono, al la muroj kaj subite falas en la glason de hispano. Dua muŝo falas en la glason de anglo, tria en tiun de la franco ktp.

La hispano leviĝas, surmetas sian ĉapelon kaj fiere eliras. La anglo prenas flegme sian glason, ĵetas la bieron teren kaj krias: „Kelnero, alian glason!". La franco estas tre malkontenta; li parolas, paroladas, krias, kriadas, bruadas; li estas tre kolera... sed restas ĉe la tablo. La germano trankvile, malrapide prenas la muŝon el la glaso, ĵetas la muŝon sur la plankon kaj ... trinkas la bieron.

La ruso rigardas la insekton, kiu naĝas en la glaso, kaj . . . trinkas la bieron . . . kun la muŝo.

Sed la ĥino kun ĝojiga mieno prenas la muŝon el la glaso ... manĝas la muŝon ... kaj trinkas poste la bieron!

(El Lingvo Internacia-Athen)

### Pensiga anekdoto.

### La poŝhorloĝo.

Al mia fileto mi donacis poŝhorloĝon. Ho, kiom li ĝojis dum la unua tago! Ŝajnis, ke ne povus ekzisti sur la tuta tero pli feliĉa homo ol li.

En la dua tago li komencis serĉi la neperfektaĵojn de la horloĝo.

En la tria tago li jam komencis ĝin malmunti por perfektigi ĝin kaj forigi la nebonaĵojn. Kiam li kunmetis ĝin ree, la horloĝo funkciis nur dum kelkaj minutoj kaj haltis. De tiam mia fileto ne plu povis uzi ĝin. Li sin okupas nur flegante la horloĝon, malmuntante ĝin, rearanĝante la radojn, purigante kaj kunvolvante la risorton. Kaj la mirinda ilo, kreita por servo, restas nur senutila amuzaĵo.

Ne estas por infano delikataj objektoj. Ni gardu ankaŭ Esp.-on kontraŭ la manoj de infanoj — eĉ de infanoj kun lipharoj.

(Brita E-isto)

## Lingvaj demandoj.

1. „Am Fuße de Berges". „Ĉu estas permesate traduki: ĉe la piedo de la monto"?, demandas kelkfoje lernantoj. Ni ĉiam pripensu, ĉu la esprimo estas internacie komprenebla, ĉu ne. Se ni diras: „la piedo de l' monto", ni aplikas komparon, metaforon, uzatan en la germana, sed ne en multaj aliaj lingvoj. Tial, parolante kun eksterlandano, ni ja povas esperi, ke li divenos, kion signifas nia esprimo: „piede de l' monto", ĉar li komprenos, ke, uzante la vorton „piedo", ni parolas pri la malsupra parto de la korpo de l' monto. Sed estas pli certe, precipe en la ordinara konversacio, se ni preferos la klarajn esprimojn: „la bazo" aŭ „la malsupro" de la monto; „am Fuße des Berges" ankaŭ mallonge: „baze de l' monto".

2. „In den sauren Apfel beißen". En tiu ĉi kazo ni povas senriske diri: „ekmordi la maldolĉan pomon"; ĉar la metaforo estas tiel plastika, ke ĉiu devas kompreni la parolturnon, ĉu li kutimas uzi tiun ĉi komparon en sia gepatra lingvo, ĉu ne. En konata vortaro oni proponas la tradukon: „okupiĝi pri malagrabla afero"; certe bona, sed tute ne necesa parafrazo: ni ne senkolorigu nian lingvon, uzante parafrazon tiam, kiam ni povas traduki germanan metaforon per la samaj aŭ similaj esprimoj tiamaniere, ke la komprenebleco de la frazo ne estas endanĝerigata. La tradukantoj devus ĉiam trovi per subtila sento la ĝustan mezan vojon inter la tro naiva laŭvorta tradukado de ĉiuj metaforoj kaj la sennuanciga maniero, kiu reduktas ĉiujn tropojn al ilia pure logika valoro, al la nuda kerno.

3. „Er ist es nicht". Ni scias, ke en nepersonaj esprimoj ni ne tradukas la vorteton „es"; ekz. pluvas=es regnet ktp. Sed iomete alia afero estas ekzemple la frazo: „Er scheint nur faul zu sein, aber er ist es nicht." Tradukante: „Li nur ŝajnas esti maldiligenta, sed li ne estas", vi certe havos la senton, ke tie ĉi io mankas; „li ne estas tio" ankaŭ ne kontentige esprimas la ideon. Klara kaj samtempe mallonge estas kontraŭe la traduko: „Li ne estas tia"; ĉar „es" signifas ĉi tie: li ne havas tiun kvaliton=er ist nicht so beschaffen; kaj „tia" signifas „so beschaffen" kaj respondas al la latina vorto „talis".

(Daŭrigota.) Julius Holzleithner

**Ni gratulas:**

Al s-ino **Maria Irma Ebenhöh**, nask. Glocknitzer, okaze de ŝia edziniĝo la 16. junio (ŝi dissendis invitkartojn en germana lingvo kaj Esperanto).

**Ni kondolencas:**

Al s-ano afergvidanto de AEA, **s-ro Ernst Werner**, okaze de la morto de lia patrino, kremacita la 20. junio.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

### Rundschreiben an alle Gruppen und Mitglieder.

Die zu Pfingsten abgehaltene Int. Esp.-Konferenz „Esperanto in die Schule und die Praxis", welche in den letzten Monaten die Arbeitskraft der Vorstandsmitglieder der AEA zur Gänze in Anspruch genommen hat, ist in hervorragender Weise gelungen und hat über alle Erwartung große offizielle Anerkennung gefunden. Jetzt gilt es, den Erfolg dieser Konferenz auszunützen. Hiezu bedarf es einer starken, lückenlosen Organisation der österreichischen Esperantistenschaft.

Die Zusammenkunft der österreichischen Esperantisten am Vorabend der Konferenz war nicht genügend beschickt, um offizielle Beschlüsse fassen zu können. Daher wird hiemit gemäß § 18 der Statuten eine **Hauptversammlung** des OeEB für **Sonntag**, den **14. Oktober 1934 nach Wien** einberufen. Ort und Stunde der Sitzung werden noch bekanntgegeben werden.

Die Hauptverhandlung soll vor allem zu folgenden zwei Aenderungen (1. Ergänzung des Vorstandes, 2. der Beiträge), welche der Vorstand in seiner Sitzung vom 28. IX. v. J. vorbehaltlich der Genehmigung der Hauptversammlung beschlossen hat, Stellung nehmen.

1. **Ergänzung des Vorstandes**, da die Herren Hovorka und Mudrak wegen anderweitiger Inanspruchnahme ausgetreten sind und Herr Kaff krankheitshalber seinen Verpflichtungen nicht nachkommen konnte. Der neue Vorstand soll aus folgenden Personen bestehen:

1. Vorsitzender: Reg.-Rat Hugo Steiner,
2. Vorsitzender: Gen.-Direktor des Kath. Schulvereines Dr. Anton Brunauer,
3. Vorsitzender: Sektions-Chef i. R. Doktor Franz Uebelhör,

Geschäftsführer: Ernst Werner,
Sekretär: Dr. Alfred Engländer,
Protokoll: Frl. Felzmann,
Kassaführung: Frl. Basler,
Organisation: Reg.-Rat Fritz Stengel und Dr. Emil Pfeffer,
Hilfskräfte (Statistik, Kartothek): Herren Witzmann und Kreutel,
Schulreferat: Hofrat Dr. Franz Wollmann und Reg.-Rat Fritz Stengel,
Pressedienst: Rechn.-Rat Rud. Mich. Frey und Dr. Emil Pfeffer.

Die Einladung der als Vors.-Stellvertreter und Schulreferent vorgeschlagenen Herren, welche bis zur Wahl durch die Hauptversammlung kooptiert werden sollen, erfolgt in der Absicht, durch die Mitwirkung offizieller Persönlichkeiten dem Vorstande eine

größere Stütze in der Vertretung unserer Ziele auch nach außen zu geben.

2. **Neuregelung der Mitgliedsbeiträge.** Mit Rücksicht auf gewisse Schwierigkeiten in der Verrechnung hat der Vorstand auf Antrag des Vorsitzenden Reg.-Rat **Steiner** beschlossen, von der Form der gemeinsamen Beitragsleistung abzugehen und der Hauptversammlung vorzuschlagen, lediglich den Beitrag für die AEA (einschl. Abgabe für die UEA als internationale Organisation, d. s. 50 schw. cts. jährlich) einzuheben. Danach hätte jedes Mitglied der AEA, sei es einzeln oder durch eine Gruppe angeschlossen, jährlich S 2.— (zahlbar auch vierteljährlich mit 50 g), Arbeitslose und Familienangehörige jährlich S 1.— an die AEA zu entrichten. Der Bezug des UEA-Jahrbuches und der Zeitschrift „Esperanto" sowie des „Aŭstria Esperantisto" bleibt wieder jedem einzelnen überlassen Der Vorstand erwartet aber, daß im Interesse der Organisation, welche eines regelmäßig erscheinenden Organes nicht entbehren kann, möglichst viele Abonnements bestellt werden, da der AE sonst nicht gehalten werden könnte.

Die beitretenden Gruppen hätten für alle ihre Mitglieder obige Beiträge zu zahlen, da nach dem Interkonsento alle „organisierten" Esperantisten in der ganzen Welt diese Beiträge zu zahlen haben.

Der neue Mitgliedsbeitrag soll ab **1. Jänner 1935** gelten; nur diejenigen, welche dem kombinierten Beitragsschema bisher nicht beigetreten sind, werden ersucht, den neuen Mindestbeitrag schon für 1934 unverzüglich einzusenden an das Postsparkassen-Konto Nr. A 188.104, „Dorotheum"-Wien, bei welchem die AEA ein Konto hat. **(Einlage-Nr. 141.336 anführen!)**

Wir bitten die Gruppen, zu dieser Anregung, die hoffentlich allseitige Zustimmung finden wird, schon jetzt Stellung zu nehmen und alle jene Mitglieder, welche zu der Hauptversammlung im Oktober nicht werden kommen können, ihre Zustimmung bis längstens Mitte September abzugeben.

Werner **Steiner**

---

Der Bezug des AE läuft bei allen, die durch ihre Ortsgruppe sich in eine der Kategorien I, II, III, V haben eintragen lassen, **unbedingt bis Ende 1934.** Eine Aenderung während des laufenden Jahres ist unzulässig.

**Innsbruck.** Novelektoj: Prez. R. Kühbacher, vicprez. M. Prinz, sekr. H. Barek, kas. Lechner kaj Gartner, bibl. Griessenböck.

---



**Rekomendo.**

Nia s-ano Rudolf Horneck, Graz, Bürgergasse 4. dir. de komerca lernejo, transprenis 2 km de Graz en St. Peter pensionejon por knabinoj. Entute nur 12 knabinoj povas esti akceptataj kaj la monata kotizo estas laŭ la nunaj cirkonstancoj tre malalta, entute S 160.- kun instruado de la komercaj fakoj, krome stenografio kaj maŝinskribado.

Ni varme rekomendas al niaj legantoj, atentigi iliajn konatulojn kaj per tio helpi al nia fervora samideano. Steiner.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Heroldo de Esperanto.**

**„La okuloj de la eterna frato"** de Stefan Zweig. El la germana lingvo tradukita de Helene Wolff, 68 pĝ., prezo ne montrita.

La legendo pri Virata, kiun ĉien persekutas la memoro je la rigardoj de liaj suferantaj kunhomoj — unue de frato senscie mortigita, poste tiuj de kondamnito kaj de turmentita sklavo — kiu rifuĝas en la arbaron por nura medito kaj fine devas ekkoni, ke eĉ rezigno je ĉiu ago povas kaŭzi suferojn al kunhomoj — jen vere inda temo por esperantista tradukanto. Helene Wolff tre lerte kaj zorge verkis la tekston — nur rilate la akuzativon post prepozicio kaj kiel predikato okazis eraretoj. — Insel-Eldonejo mem, kie aperis la originalo (nro 349 de la malgranda libraro) donis la modelon por la presado: agrablaj aldonoj estas la iom modernaj, sed sendube simboltrafaj ksilografaĵoj de Fritz Dücker.

La tradukistino tre ekzakte, kelkfoje eble eĉ tro, sekvis la originalon, nur la dediĉon al Dschmidbonn ŝi forlasis kaj dufoje aliigis la subdividadon. Kiel interesajn paralelojn aŭ kelkfoje ankaŭ iomete diskutindajn tradukojn mi notis jenajn: pĝ. 8 „abrupte levtĝi" por „aufschrecken" (pri dormantoj), pĝ. 9 disrompita (pli bone eble; distordita) gesto („zerrissen"); pĝ. 10 la kolero („Grimm") de la suno; pĝ. 19 bati el la vivo en la morton („vom Leben zum Tode bringen") plej laŭvorte kaj tamen laŭsence eble: almortigi for de la vivo); pĝ. 21 Eksplodi por „auffahren" (ekparoli pro kolero); pĝ. 22 ŝutkovritaj („verschüttete") horoj; pĝ. 24 hele (pli bone eble: klare) malsuprenrigardi sur iun; pĝ. 26 la saltantaj steloj (die springenden Sterne); pĝ. 27 ŝtone stari (Stein stehen); pĝ. 29 la pordo fermis la malhelon (fiel ins Dunkel) kaj la nokto falegis super la horojn (stürzte über die Stunden); pĝ. 30 konvulsia (zuckender) bato kaj „mildaĵo malsuprengutetis" (niederträufelte, laŭsence eble ankaŭ „Malsuprenglitis"); pĝ. 31 la ŝvebado de la koro (die Schwebe des Herzens) kaj „terbulo" (Scholle, mi supozante ĉerande notis „Erdkloss"); pĝ. 32 „la kaoso (Wirrnis) de l' homo" kaj „naĝe puŝi" (fortschwemmen); pĝ. 35 la malsupraĵo (das

Niedere); pĝ. 36 neniu povas esti les juĝisto (laŭsence malgraŭ la originalo); pĝ. 37 agoj lekreskas el io („etwas wächst zu Taten")! pĝ. 41 senŝirma al ĉiu arbitra volo (frei jeder Willkür", en pasiva senco); pĝ. 45 maldiligenteto („Trägheit", eble iserteco) de l'sato, 46 satigita avido („gesättigte Habsucht", pli laŭsence eble: kontentigita posedemo), 48 supre oni alĝustigu la vortordon: deteni antaŭ sia dometo la kreskaĵon, kiu; 58 la malligito (der Abgelöste), 55 je la fino „kvazaŭ" konstruiĝas pli bone kun kondicionalo; 58 „foriris en la malmolan teron" (sind in die harte Erde gefahren); 92 mi detenis la servon de la vivo (wehrte dem Leben den Dienst) kaj „kiu agas" („tut") sen demando; 64 en malinda rondo („in feigem Kreise"-malkuraĝe ĉirkaŭirante) kaj „konfesi, ke ili estas de lia sango" (pli mallongo eble: konfesi sin liasangaj).

Dro Biehler.

**Literatura Mondo, Budapest.**

**K. R. C. Sturmer:** „Notlibro de Praktika Esperantisto". 128 pĝ., formato 13·5 je 20 cm, kun dukolora kovrilo. Broŝ. sv. fr. 2.50, bind. 4.—.

**Kan Kikuĉi:** „Amo de Toojuuroo kaj du aliaj teatraĵoj". El la japana trad. de Joŝiŝi Ŝimomura. 83 pĝ., 13.5 je 20 cm. Prezo broŝ. sv. fr. 1.20. Por ambaŭ libroj 10% por sendkostoj, por AELA-membroj nur 40% de la vendoprezo.

**Konsiloj.** Sugestoj de malnova Esperantisto de Andres Pino. Ĉe la aŭtoro, 56 pĝ.; prezo 2 resp. kup.

La aŭtoro plendas, ke la nuna E.-movado senvigliĝas. Li kulpigas pro tio ne nur la mondkrizon sed ankaŭ la gvidantajn espistojn, kiuj ofte estas tro egoismaj kaj krome post varbado ne sufiĉe atentas la bezonojn de junaj noventuziasmiĝintaj homoj. La komencon de tiu interna krizo laŭ Pino alportas la Kongreso de Helsinki kun la malfavora kontrakto; en la jaroj post la Viena kongreso la tempo de la grandaj sukcesoj definitive estas forpasinta. La broŝuro samtempe estas admono, uzi niajn fortojn ne dise sed per koncentriĝo. Ĝi severe kritikas la aferetemon de UEA kaj insistas pri la graveco eĉ de la ŝajne plej sensignifa samideano. La rimarko rilate la varbadon inter fervojistoj almenaŭ ne validas por Aŭstrio.

La libro, kies fontoj parte estas artikoloj, publikigitaj en „La Suno hispana" estas sufiĉe korekte skribita. Kiel ĉefajn erarojn mi menciu „La pli multaj" kiel superlativo, „same ol", „rofiti" anst. „profitigi"; intermiksadon de „kaŭzo" kaj „afero" (Sache), de „bedaŭro" kaj „domaĝo" (Schade), de „prave" kaj „ĝuste", uzon de „laŭ" kie konjunkcion, de „enteni" anst. „enhavi", Krome estas malĝustaj la esprimoj „la plej ĉeestata kongreso kiel (anst. el) ĉiuj aliaj" „skribi artikolon sur gazeto". La trouzo de neadoj estas romanismo. Bona neologismo estas „kotizantaro".

Dro Biehler.

**Ekrelo, Leipzig.**

**J. Stalin** „Rezultoj de la unua kvinjarplano", 48 paĝa. — **O. Erdberg** „Ĉinaj noveloj", elrusigis T. Gavrilov, 72 pĝ. Prezo de ambaŭ libroj ne montrita; 1932.

La broŝuro pri la kvinjarplano pritraktas sian temon preskaŭ en formo de sep-ĉapitra kateĥismo, priparolante la celojn rilate industrion kaj agro-ekonomion, la rezultojn en la samaj sferoj, krome en komerco, rilate la riĉiĝon de la laboristoj kaj la forigon de la superaj klasoj. Laŭ sia tono la verketo vere nur valoras por „kredantoj", ĝi konstatas sed ne pruvas. Pli valoraj estas la cititaj ciferoj, sed oni devus ankaŭ konsideri la nekonstantecon de la monunuo. Bone impresas la konfeso, ke ne ĉio estas senripoĉe farita.

Multe pli interesaj estas la ĉinaj noveloj, precipe ilia postparolo, priparolanta ĉinan revolucian romanon de franco Malrot kaj la juĝon de Trotzki pri ĝi. Oni aŭdis tie, ke oni ne ŝatas la kontraŭecon de Trotzki kontraŭ rusaj agentoj en Ĉinio kaj ke oni kalkulas je konkero de Ĉinio kaj Hindujo kaj poste de aliaj mondprovincoj, nombrantaj kune nur sammultajn loĝantojn kiel la antaŭe nomitaj. Nu, Dio gardu nin! La tri noveloj „Tajana simfonio", „Fenikso", „Talismano" parte ankaŭ kontentigos komunistojn; tre efika estas la fina frazo de la skizo „La grandaj demokratioj". La naturo en ĉiuj rakontoj estas bele pentrita.

Laŭ lingva korekteco la du verkoj ankaŭ ne estas samvaloraj, kvankam la sama persono — almenaŭ laŭ aserto de la eldonejo — kontrolis ambaŭ. En la traktato oni trovas la kutimajn „Ekrelaĵojn" (aŭ legu laŭplaĉe „elrelaĵojn"): se kun infinitivo (se . . . konsideri), ĉe kun akuzativo; „dum" por germana „solange"; „ŝi" kiel refleksivo de ĉiuj tri personoj; „post" anst. „laŭ"; „nome" anst. „do" (denn); forgesi pri, krome iom idistajn formojn kiel: posible, kreiva, primara. La dua verko montras bonajn tradukojn: alikorpiĝo (Seelenwanderung), devizo (Sprechchor), transtrabo (Querbalken), deira (abwegig) La vorto „kompradoro" (el hispana lingvo: aĉetanto), ĝentrio (angle: gentry, malsupera nobelularo), placdarmo (france: place d'armes) bezonas klarigon. Eraroj ankaŭ tie ne tute mankas, krom jam supre cititaj: ekz. timo antaŭ (anst. pro).

D-ro W. Biehler

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.